HAMBURG Esperanto

3/1992

Junio/Julio

Bulteno de Hamburga Esperanto-Societo r. a.



**Profesoro d-ro Rüdiger Sachs salutas Eksprezidanton Miĥail Gorbaĉov kartonfiguran.**

# Gorbaĉov: Unue Perestrojko - poste Esperanto

**Moskvo, 27a de Decembro 1991**
Profesoro d-ro Rüdiger Sachs, vizitanta la unuan Rusan sesion de la Akademio Internacia de la Sciencoj (AIS, San Marino), kaptis la okazon, sur granda placo en Moskvo saluti la Eksprezidanton Miĥail Gorbaĉov, kiu hazarde staris tie kune kun Boris Jelcin - el kartono. Tia okazo vere meritas foton, kiun oni tuj faris. Ni ekskluzive publikigas tiun foton.

Benno Klehr

## Enhavo



## Editoraîoj

**Eldonanto**: *Hamburga Esperanto-Societo r. a.*
*Klaus-Groth-Straße 95, W-2000 Hamburg 26*
*✆ (040) 2 50 30 65*
*Poŝtĝiro Hamburg (BLZ 200 100 20) Kto. 173 22 - 207*
**Ĉefredaktoro**: *Benno Klehr, Oelkersallee 31, W-2000 Hamburg 50 ✆ (040) 43 51 97*
**Grafika Aranĝo**: *Gerd Tigges, Hamburg 80*
**Produktado de originaloj**: *TIGGYSOFT*
*Brookdeich 13, 2050 Hamburg 80 ✆ (040) 7 21 20 05*

**Redaktofino de n-ro 4/1992:**
**16-07-92**

## Sentenco

Estas malsaĝulo
kiu atendas
apud la rivero
ke la akvo forfluu!

## Oni imagu...

**ke ĵaŭde tiuj, kiuj ebligas viglan kluban vivon, ne aperus!**

**Tiam la aliaj estus sidantaj kaj vane atendantaj ke la teatraĵo komenciĝu!**

## Kaj nenio okazus!

***Bovolu legi opinion sur paĝo 9!***

## Kursoj en 1992 por komencantoj

**Ĉiu-semajna kurso**
merkrede de 18:00 - 20:00
de 09.09. ĝis 15.11. 92 / 24 lernohoroj
Prezo: GM 150,- /reduktita: GM 75,-

**Tuta semajno** - 5-taga seminario
de lundo 05.10. ĝis vendredo 09.10.92
ĉiam de 10:00 - 18:00 / 35 lernohoroj
Prezo: GM 200,- / reduktita: GM 150,-

**Ĉiuj prezoj inkluzivas lernolibron kaj dum plurtaga kurso komunan tagmanĝon kaj kafotrinkadon.**

## ESPERANTO...

***der bessere Schnack!***

# Kvarko ne estas Quark!




Kvankam oni povus imagi, ke Kvarko estas »Esperantigita« Germana vorto Quark, ĝi estas tute alia.

Kvarko, aŭ pli bone 4K, estas mallongigo por 4-kolora preso, kiun ni sukcesis efektivigi por nova varbilo por Esperanto. Ĉi apude vi povas vidi bildon de la faldita folio. Estas la unua fojo, ke ni povas prezenti tian varbfolion por Esperanto. Ĝis nun ŝajnis al ni, ke profesie farita varbado estus nepagebla por ni. Pro tio plej multaj informaj kaj varbaj materialoj en Esperantujo aspektas embarasige primitive.

**Sed varbado devas esti profesinivela por atingi sukceson!**

**Fakte tia estas nia nova varbfolio!**

Tamen ĝi havas nekredeble malaltan prezon: Ĝi ne kostas pli ol simpla duflanka fotokopiita folio! (Tiu kvalito estas konata al ĉiuj.)

Por ebligi tian malaltan prezon oni devas mendi grandan kvanton. Pro tio estis necese, krei folion kun (neŭtrala) teksto, kiu estas uzebla en tuta Germanio dum longa tempo.

**Ni intence ne rezervis liberan spacon por enstampi lokan adreson, ĉar ni elektis lakitan paperon por atingi vere bonan kvaliton. Sur tiom glata surfaco stampo bedaŭrinde ŝmiras.** Por aktualaj informoj ni proponas jenan solvon: oni enmetu paperslipon kun aktualaj informoj pri kursoj aŭ aliaj eventoj. Tiu slipo povas esti simpla fotokopio.

## Ankaŭ vi povas disponi pri tiom alloga varbfolio!

**Kaptu la okazon kaj mendu antaŭ la 15.07.92 vian bezonatan kvanton - ĝis tiam ni povas doni al vi rabaton de 20 %.**

## Prezoj

| | | | |
|---|---|---|---|
| Ekde | 100 | ekzempleroj | po DM 0,30 |
| Ekde | 500 | ekzempleroj | po DM 0,28 |
| Ekde | 1.000 | ekzempleroj | po DM 0,25 |
| | unuopaj | ekzempleroj | po DM 0,50 |

**Aldoniĝas la kostoj por poŝta afranko.**

# En la kofro de Ellen

Okaze de teatrovespero mi serĉis materialon por **ekspozicio**. Mi imagis montri i. a. fotojn el pasintaj tagoj. *Elsbeth* jam metis bonegajn malnovajn grupbildojn en la bibliotekon. Subite ŝi diris: "La kofro de Ellen!" Ŝi metis malnovan, malgrandan, nigran kofron sur la tablon kaj malfermis ĝin. Ĝi estis plena de diapozitivoj.

Mi estis ravita kaj tuj enpakis la kofron kun la projekciilo en mian aŭton kaj hejme mi sciigis al *Burkhard*, kiu naive akceptis *Sizifan laboron*: **Proksimume 600 diapozitivoj** atendis kontroladon kaj ordigadon.

Mankis por la projekciiloj taŭgaj magazenoj. Sekve komenciĝis la kutima enketo: "Kiu havas, kaj se jes, kiu eble havas troajn?" Benno jam antaŭe estis aĉetinta magazenojn, kaj donis ilin al ni. *Gerd* kaj *Volker* havis malnovajn magazenojn en sia kelo.

Malgranda rendevuo rapide estis aranĝita. Sabate la *Bergedorf*-anoj venis al *Lange Reihe* kun bovaĵa supo, fromaĝo, kuirita ŝinko kaj aliaj delikataĵoj por salato.

Je la 19a horo mi staris atendante ĉe la fenestro. Fine la malgranda nigra aŭto alkuregis. *Gerd* hopis el la aŭto al la kofrujo. Krak-tinto, ekkrio kaj (mi sciis tion) la marmelado por mi destinita dekoraciis la parkejon. Kvazaŭ mirakle la marmelado ankoraŭ estis manĝebla.

La tempo forkuris. *Burkhard* elpakis kaj enpakis, ordigis, interŝanĝis la diapozitivojn kaj trafosis la aron de bildoj, dum *Volker*, *Gerd* kaj mi zorgis pri nia korpa bonfarto.

Tiam estis tempo por montri la bildojn. La unua bildo estis projekciita al la muro: "Ekskurso al Sachsenwald 1956". Kiu estas nun tiu? Dum tiuj 35 jaroj la homoj ŝanĝiĝis. "Tiu devas esti Jupp Kühnel." "Tiu estas Hertha." "Tie estas Hans Schütt." "Ho, mi rekonas Gretel Zerbe." "Vidu, Friedel Sudec." "Kiuj estas la infanoj?" Sekvanta magazeno: "Kostumfesto": "Tiu estas Ellen Eggers!" "Ĉu Ellen?" "Jes, kaj apud ŝi Friedel Kogel." "Ho, Elsbeth Wielgus!" "Kiun aĝon ŝi tiam havis?"

La nokto pasis, tagiĝis, la birdoj ekkantis, sed ni ankoraŭ ĉiam rigardis fascinitaj la bildojn. Kelkaj nomoj estis skribitaj sur bildkadroj. Multaj vizaĝoj restis al ni nekonataj. Sed en retrospektivo ni konstatis: **Tiu trezoro el la kofro de *Ellen* estas la plej bona atesto pri la Germana *ekonomia miraklo*.** Multajn klubvesperojn ni bezonos por klarigi, kiuj personoj estas videblaj sur la diapozitivoj, kiam kaj kie. Multa plezuro atendas nin.

Pasintan ĵaŭdon okazis nur malgranda preludo. La ekspozicio temis pri malnovaj bildoj kaj novaj libroj. La laboro estis pena, sed rekompensis al ni per ĝojo kaj spertoj.

Mi volas nome mencii: *Elena* (leteroj), *Bodo* (libroj), *Burkhard* (diapozitivoj). Dankon ankaŭ al *Wolfgang* pro la disponigo de la oficejo. Ni ĝojus pri via reago. Ĉu al vi plaĉis la ekspozicio, speciale kune kun la teatra vespero?

*Hannelore Brunow*

# Gasto el fora lando

Kiel vi scias, ĉiun paran sabaton de la 14:00 ĝis la 17:00 h okazas en nia kluba domo *Studrondo*, kie kunvenadas klubanoj por libere paroli Esperanton kaj por perfektigi la Esperanto-scion.
Kiam ni Sabaton, la 11an de Januaro 1992, kunvenis, venis telefonalvoko, ke iu Esperantisto el eksterlando momente troviĝas en Hamburgo kaj ŝatus havi kontakton kun Esperantistoj.
Volonte ni invitis lin kaj li alvenis kun sia Hamburga gastigantino (Ne-Esperantistino) kaj estis kore salutata de ĉiuj. Estis s-ro *Firdaŭs Ŝukurov*. Li venis el la iama Soveta respubliko **Taĝikistano**, kie li loĝas en la ĉefurbo **Duŝanbe**. Estas mez-azia montara lando kaj tre fruktodona, kaj pro tio la enloĝantoj ĝis nun neniam bezonis suferi pro malsato. Nia gasto Firdaŭs multe jam vojaĝis en Eŭropo kaj eĉ li nombris tutan stokon da Germanaj urboj, kie li havis kontaktojn kun Germanaj Esperantistoj.
Mi persone havas ek de pli ol duonan jaron korespondatinon en la sama urbo, kie li loĝas en Duŝanbo. En tiu urbo troviĝas ankaŭ blindul-lernejo. Kaj iu tage petis min blinda blindulinstruistino, ĉu mi povus helpi ŝin trovi **instrumaterialon por siaj blindaj kaj malfortvidantaj infanoj**. Ŝi petis pri reliefaĵoj. En Germanio estas du blinduleldonejoj, kiuj eldonas por la blinduloj ĉiujare murokalendaron kun reliefaj motivoj, kiel ekzemple floroj, arboj, sanigaj plantoj, bestoj de la zoologia ĝardeno ankaŭ sovaĝajn bestojn kiel krokodiloj, saŭrioj kaj ankaŭ multaj figuroj el la fabeloj de Grimm, Andersen kaj aliaj fabelverkintoj. Ĉiujare la motivo ŝanĝiĝas kaj ili estas reliefe faritaj kaj pro tio de la blinduloj palpeblaj. Krom tio por la malfortvidantoj ĉiu motivo estas bunte koloriĝita.
Ŝi diris, ke tio estas bonega instrumaterialo por iliaj blindaj kaj malfortvidantaj infanoj, kiuj preskaŭ ne disponas pri iu ajn instrumaterialo. Kaj per tiuj reliefaĵoj ili havas imagon, kiel aspektas la koncernaj objektoj. Mi faris anoncon en porblindula revuo en Germanio, kiu estas multe legata, preskaŭ ĉiu blindulo abonas ĝin, kaj petis, ke oni sendu al mi la konservitajn murkalendarojn en reliefo el la pasintaj jaroj por helpi al la blindaj kaj malfortvidantaj infanoj en Duŝanbe.
La eĥo estis granda. Minimume kvindek ĝis sesdek kalendarojn mi ricevis el okcidenta kaj orienta Germanio. Tiamaniere mi povis bonege helpi la mem blindan blindulinstruistinon pri instrumaterialo kaj ŝi skribis al mi, ke ĝi estis tre entuziasme akzeptita de siaj gelernantoj blindaj kaj malfortvidantaj. La kontakto kun tiu instruistino, kiu ankaŭ havas blindan edzon, okazis pere de nia blindul-Esperantista movado internacia.
Mi demandis nian gaston Firdaŭs, ĉu li konas tiun virinon, kaj li diris, ke li tre bone konas ŝin pere de la urba Esperanto-klubo.
Multe ni babilis kaj diskutis kun nia gasto kaj li promesis, reveni al la klubo, kiam li denove pasos Hamburgon. Je la fino de vizito li enskribis sin en la gastlibron de nia Esperanto-klubo.
**Do, ĝis revido, kara Firdaŭs.**

*Karl-Heinz Hoffmann*

| | | | | | | | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| 1 K | 2 A | 3 L | 4 A | 5 B | 6 A | 7 S | 8 O | 9 M | 10 A | 11 M | 12 O |
| 13 | K | | | | | | 14 | | 15 | | |
| 16 | U | | | | | | | 17 | | | |
| 18 | M | 19 | | 20 | | | | | 21 | | |
| 22 | U | | | | 23 | | | | | | |
| 24 | L | | | | 25 | | 26 | | 27 | | 28 |
| 29 | A | 30 | | | | 31 | 32 | | | | |
| 33 | T | | 34 | | | | | 35 | 36 | 37 | |
| 38 | O | | | | | | 39 | | | 40 | |
| 41 | R | | | 42 | | 43 | | | | | |
| 44 | O | | | | 45 | | | | | | |

**Horizontale:**

**1** Botelo kreskanta sur arbo, aŭ kukurbo; **9** Je tio oni nutras malfidelan serpenton; **13** »Tipe Germana« sinteno pri tempo; **15** Tiu afer' indikita per la vorto »pri«; **16** Ĉevalpieda laktuko helpas kontraŭ malsano; **17** Tiu memoraĵ' al Klopstock troviĝas en Altona; **18** Tiu de patro aŭ patrin' ne samas al tiu de vir' al virin'; **19** Apud Kadizo antaŭ tre longe; **21** Alia land' - alia tiu; **22** Tiel malpliiĝas la dek malgrandaj Indianoj de Agatha Christie; **23** Tiuj stultuloj kune, kiuj lasas sin elekti; **24** Aldonaĵ' plilongiga; **25** Unu grup' el la olimpikaj; **29** Tie Germanoj kaj Rusoj interkonsentis en 1922; **32** Angloj dirus kontenero; **33** Nur dioj ĝuas ĝin - tiun trankvilon; **36** Parolu Ruse al ni; **38** La unua el kvar, kiu ĉe ni estas du kaj Latine ses; **40** Apud Hanovro vilaĝo kun kastelo havas mallongigon; **41** Rapida diafragmo el la natur'; **42** Mallongigo sur aŭto: ne eksploda kaj ege bona; **43** Superporda pluvŝirmil'; **44** La dua en la vico de manĝiloj; **45** Per tia ag' malsekiĝas seka lok';

*Daŭrigo sur paĝo 7*

Klubejo malfermita ĵaŭde ekde 18:30.
*Manĝoj*: 19:00 - 19:30. *Programo*: 20:00.
*Studrondo*: sabate en semajnoj kun para numero: 14:00.
*GIS*: ĉiun lastan lundon: 19.30 h.
*Paroliga Rondo*: ĉiun mardon: 18:30.

Klubhaus donnerstags ab 18:30 geöffnet.
*Essen*: 19:00 - 19:30. *Programm*: 20:00.
*Studrondo*: sonnabends in geraden Kalenderwochen: 14:00.
*GIS*: jeden letzten Montag: 19:30.
*Paroliga Rondo*: jeden Dienstag: 18:30.

## JUNIO

| | |
|---|---|
| 4 | **Literatura vespero** |
| 5-8 | **Germana Esperanto-Kongreso, *Schwerin*** |
| 11 | *Jürgen Wulff:* **Raporto pri Provence** |
| 13 | *Studrondo* |
| 14 | **Schnupperkurs 11:00 - 16:00** |
| 18 | *Irmgard Karst:* **Paroli Esperanton en la Paroliga Rondo** |
| 25 | **Publika kunsido de la Landa Ligo** |
| 27 | *Studrondo* |
| 29 | ***GIS-Kunveno*** |

## JULIO

| | |
|---|---|
| 2 | **Literatura vespero** |
| 5 | **Schnupperkurs 11:00 - 16:00** |
| 9 | *Bodo Schneider:* **Esperanta kulturo - ĉu ĝi ekzistas aŭ ne?** |
| 11 | *Studrondo* |
| 16 | **Sen speciala programo** Klubejo malfermita! Gastoj estas bonvenaj! |
| 23 | **Sen speciala programo** |
| 25 | *Studrondo:* ***Ekskurso*** |
| 27 | ***GIS-Kunveno*** |
| 30 | **Diskuto pri klubaj aferoj** |

**Vertikale:** ***Daŭrigo de paĝo 6***

**1** Ĝemeloj sur la mar'; **2** Ŝargebla pilo; **3** Pendanta kristalo en festa halo; **4** »La« fadenulino; **5** Kulmin' de kongreso, ankaŭ en Vieno; **6** Diplomat' sed ne diplomato; **7** Profesia detruant' de ksilofona krudmaterialo; **8** La dek-sesa de la Rusa; **9** Senfunda lok' en aŭto; **10** Apud karbona ekzistas tia alia fonto; **11** Monument' aŭ kiĉo tiucele; **12** Ne mallumo sed sensuna; **14** Titol' ne helpas, sed ofte necesas por esti tio; **20** Laŭ Zamenhof, restis sep »ujoj« en Eŭropo; **25** Metal' ne acida; **26** Pagante ne aĉeti; **27** Tia estu la amanto de soprano; **28** Inter Marx kaj la Papo, pli proksima al la dua ul'; **30** Montar' kun komunisma pinto; **31** lom da Skelet'; **34** Kontraŭ logik' ago kuraĝa; **35** Struta produkt'; **37** Vic' de literoj laŭ la ordo; **39** La oka post mi kaj vi; **41** Simple: paralele al IS.

# Unua Rusa Sesio de la Akademio Internacia de la Sciencoj (AIS)

**1991-12-28 ĝis 1992-01-09**
La USSR jam ne plu ekzistis kiam okazis la Rusa AIS-Sesio en Moskvo kaj Peterburgo, kiuj urboj ja troviĝas ambaŭ en Rusujo. Do, la adjektivo *Rusa* estis perfekte ĝusta. Temo de la sesio estis *Lingvo - Kulturo - Ekologio*, bone enpakita en la Festivalo de la Rusa Arto en Moskvo, la sekva Scienca Konferenco kaj Ortodoksa Kristnaskfesto, kaj daŭrigo de la scienca kaj kultura programo en Peterburgo.

**Samtempa Landa Kunveno de USSR Ligo de Esperantistoj**
Bedaŭrinde la eksterlandaj Esperantoparolantaj partoprenantoj de la scienca sesio de AIS ne estis informitaj pri la samtempe (nome 1991-12-27 ĝis 29, nur 40 km for de Moskvo okazanta) Landa Kunveno de la iama USSR Ligo de Esperantistoj kun 180 partoprenantoj. Kelkajn de tiuj Ruslandaj Esperantistoj tial oni nur hazarde renkontis dum komunaj kulturaj programoj...

**Komenca pelmelo**
La komence iom ĥaosa serĉado por ejoj (kelkaj eĉ ne hejtigitaj) en kiuj povis okazi la laŭprogramaj prelegoj aŭ studkursoj estis iomete embarasa, sed tio ja okazas de tempo al tempo dum internaciaj aranĝoj. Kelkaj studkursoj estis kripligitaj pro transportmalfacilaĵoj kaj longa atendado por aŭtobusoj - dum malvarma Rusa vintro tute ne plaĉa afero. La por ses studhoroj anticipita kurso *Sciencaj metodoj de problemosolvado* preparita de geinĝenieroj Julij Churastkovskij kaj Ingrida Murashovska el Latvio devis okazi en nur tri studhoroj, kaj la kurso pri ĝenerala lingvosienco de AProf Kuznecov reduktiĝis de tri al unu lekcihoro, certe je granda ĉagreno de la prelegantoj kaj aŭskultantoj.

**Esperanto kiel sinkrona traduklingvo**
La prelegoj de la scienca sesio mem baziĝis strikte al la temo lingvo/kulturo/ekologio: ***Stato de medio en USSR kaj jaro de Rusa kulturo*** (*D-ro Medvedev*, Direktoro de la Rusa Centro Esperanto/Kulturo/Ekologio en Moskvo), **Lingvo de la ekologio, ekologio de la kulturo, kulturo de la lingvo** (*Prof. Grigorjev*, Rusa Akademio de Scienco, Moskvo), **Lingvo, ekologio de kulturo kaj amaskomunikiloj** (*Prof. Zasunkiaj*, Moskva Ŝtata Universitato), **Lingvo, kulturo, biosfero kiel komponanto de medio de la homo** (*D-ro Cebanov*, Instituto pri Evolua Fiziologio, St. Peterburgo), **Lingvaj modoj kaj sociokultura ekologio** (*Prof. Duliĉenko*, Tartua Univeritato, Estonio) kaj multaj aliaj estis prezentataj - en la Rusa lingvo. Sed estis tradukistoj kiuj sinkrone tradukis en Esperanton, kun sperto kaj lerto sed kelkafoje ankaŭ kun aŭdebla ĝemado. El entute tridekdu prelegoj dum la unua studsemajno tamen estis kvin en Esperanto, kiuj - same lerte, sperte kaj sinkrone - estis tradukataj en la Rusan lingvon, pere de la samaj tradukistoj.

*Rüdiger Sachs*

# INTER KULTURO IK

En **Slovenio** nun ekzistas *Kultur-eduka kaj turisma internacia centro* en *Maribor*.
*Zlatko Tiŝljar*, en Hamburg pli bone konata kiel »Pajo«, pro la milito translokiĝis tien de Zagreb, kie li dum jaroj laboris en **IKS**, kiu tamen plu funkcias.
Interkulturo ofertas en librolisto la lernolibrojn laŭ la Zagreba Metodo, originalajn kaj tradukitajn verkojn. Krome IK okazigas internaciajn fakajn renkontiĝojn.
**Adreso**: Interkulturo, Koĉevarjeva 12, Slo-62000 Maribor, Slovenio.

# Es darf nicht wahr sein!

Seit einiger Zeit stehe ich häufiger donnerstags in der Küche des Esperanto-Vereins. Einerseits, um Elsbeth Wielgus zu unterstützen, andererseits weil ich gerne einen abwechslungsreichen Speiseplan ins Vereinshaus bringen möchte. Ich konnte feststellen, daß die Mitglieder dies freudig aufgenommen haben (siehe auch Ausgabe 5/91, S. 4). Allerdings scheint sich das Gefühl breit zu machen, sich in einem Restaurant zu befinden, wo man bedient wird. Dabei sollte es in einem Verein so etwas wie ein Gemeinschaftsgefühl geben. Inzwischen muß man sogar noch die benutzten Teller einsammeln. Einige Mitglieder vergessen anscheinend, daß alle, die sich im Verein aktiv betätigen - egal auf welchem Gebiet - dies ausschließlich ehrenamtlich tun. Für mich stellt sich das Vereinsleben leider so dar: immer dieselben Personen sind aktiv - während die Masse sich zur Berieselung einfindet. Darüber hinaus werden persönliche Ansprüche gestellt, die von eben diesen aktiven Leuten erfüllt werden sollen. Und wenn dies nicht geschieht, wird auch noch sauer reagiert.

**Ich bin bereit, mich für das Klubleben zu engagieren - aber so sehe ich den Sinn nicht!** An den auch für mich interessanten Vorträgen kann ich oft nicht teilnehmen, weil Arbeit auf mich wartet. So sind die Donnerstage kein Vergnügen für mich!

**Also an alle:** Besinnt Euch, wo Ihr Euch befindet. Verein bedeutet Gemeinschaft. Dann könnt Ihr auf mich zählen.

*Gerd Tigges*

# Bonaj varbiloj necesas

Nun finfine ni disponas pri koloraj varbiloj, pri kiuj ni revis dum multaj jaroj. Ĉiam, kiam mi donis ian presaĵon pri Esperanto al eksterulo, mi sentis embarason pri la primitiveco. Speciale, kiam iu amaskomunikilo petis informojn, mi ofte hezitis, transdoni niajn strangajn, laike faritajn varbilojn. Multaj informbroŝuroj pri Esperanto ŝajnas same aĝaj kiel la lingvo mem; almenaŭ laŭ la stilo oni tion povus supozi. Sed la eblecoj, fari publikaĵojn en antaŭaj jaroj ne estis kiel hodiaŭ. Per modernaj komputoroj la kreado de profesinivelaj presaĵoj fariĝis multe pli facila. Tamen la plej bona maŝino ne povas labori sola; kiam malspertulo ĝin laborigas, ne povas rezultiĝi perfektaĵo. Feliĉe ni en Hamburg havas la plej bonajn kondiĉojn por krei presaĵojn en kvalito, kiu ĝis nun ne estis atingebla. Speciale favora fakto estas, ke du el niaj membroj en Hamburga Esperanto-Societo estas profesie laborantaj per komputoro en tipografio. *Gerd Tigges* kaj *Volker Kraeft* oferas multon de sia libera tempo por labori pri Esperantaĵoj. En ilia softvara kaj tipografia firmao »TIGGY-SOFT« niaj presaĵoj estas ellaboritaj. Dank' al tiuj avantaĝoj ni ne devas pagi por tiom multaj horoj, kiuj estas bezonataj por produkti bonkvalitajn eldonaĵojn. Ni do ŝparis ekzemple por la kvarkolora varbfolio proksimume 3000 markojn, kiujn postulus alia entrepreno. Tamen ni devas pagi la materialon kaj la kostojn por presado. Tiuj kostoj ankaŭ estas sufiĉe altaj! Nia kluba kaso ne estas tiom plena, ke ni pli ofte povas financi grandajn projektojn kiel tiun ĉi. Ion novan ni nur povas fari, post kiam la varbiloj estos venditaj. Se vi ankaŭ kredas, ke nur per bonkvalitaj varbiloj eblas sukcesa varbado, vi povas subteni nin finance: **Eĉ malgranda sumo helpos!** Tiucelajn donacojn bonvolu ĝiri al la konto de HES kun indiko »varbado«.

*Poŝtĝiro Hamburg*
*(BLZ 200 100 20) · Kto. 173 22 - 207*

Benno Klehr



# GIS (Societo por Internacia Lingvo)

**Ekde Junio 1992 la GIS-kunvenoj okazos regule ĉiun lastan lundon monate. La horo restis sama: 19:30. Pro tiu ŝanĝo la Paroliga Rondo nun povos regule okazi marde!**

# Antaŭkongreso en Prago 19a - 25a de Julio 1992

**El la programo**:
Esperantlingva gvidado tra la historia urbo; busa rondvojaĝo, ekskursoj;
Nigra Teatro / Laterna Magika; muzika vespero; kolokvo pri sociaj, politikaj kaj ekonomiaj problemoj en Ĉeĥoslovakio;
seminario pri Komenio, la fama pedagogo, filozofo, teologo kaj reformisto.

**Loko**: tute nova hotelo Globus***, 15 min. de la urbocentro. La prezo inkluzivas 6 tranoktojn, plenan pension, urban trafiklegitimilon, enirprezojn, aranĝojn kaj aliajn servojn.
**Prezo**: 1.290,- gld (unulita ĉ. +180,- gld)
**Adreso**: Ĉeĥa Esperanto-Asocio, Jilská 10, CS-110 01 Praha 1, Tel: 00 42 - 2 - 220 262
(*Bedaŭrinde la informo venis tiom malfrue!*)



# Harcaj semajnfinoj

## 5a / 6a de Septembro 1992

**Loko:** Herzberg-Lonau
**Programo**: Krad-rostado, muziko kaj kantado en Esperanto, danca kaj distra muziko de muzika grupo »Esperantos« el Halle/Saale. Ekskurso kaj migrado en la montaro donos eblecon al korpa aktiviĝo.
**Adreso**: Esperanto-Gesellschaft Südharz, Grubenhagenstraße 8, W-3420 Herzberg, Tel.: 0 55 21 / 13 63.
**Kotizo**: DM 9,- ĝis 31.07.92.
**Konto**: 300 166 634 ĉe Sparkasse Herzberg, BLZ 263 510 15



## 23a - 25a de Oktobro 1992

**Semajnfina seminario** en la Naturamika Domo »St. Andreasberg« en Harc-montaro.
**Loko**: Am Gesehr 37, W-3424 St. Andreasberg, Tel: 05582 - 269
**Adreso** por aliĝoj: Helga Windisch, Fliederstraße 28, W-7080 Aalen 1, Tel: 07361 - 78217. Konto-n-ro 40 06 60 02 ĉe Unterkochener Bank (BLZ 600 697 32)
**Programo**: Kursoj por komencantoj, progresintoj, jam parolantoj kaj infanoj; distraj vesperoj laŭ la iniciato de la partoprenantoj. Tranoktado en la Naturamika Domo en 3- aŭ 4-litaj ĉambroj.
**Kostoj**: antaŭ la 1a de Julio: GM 100.- (infanoj 60.-) - por kurso, manĝoj kaj tranoktado. (nur kurso: GM 25,- resp. 10,-)

# Ekskurso al Templin

Kiel ni jam pridiskutis, ni planas vojaĝeton al Uckermark dum la 30a semajno, nome de la 24a ĝis la 26a de Junio, al la urbo Templin.Distriĝo por tiuj, kiuj ne partoprenos en Vieno. Tranoktadon mi povas prizorgi.Tamen mi ankoraŭ atendas sciigon de Esperantisto el Templin. Okaze de vizito en Marto ni priparolis, ke li iros kun ni laŭ la urba muro Esperante kaj krome ni okazigu aliajn komunajn aranĝojn. Mi esperas baldaŭ aŭdi de li. Laŭ mia opinio la Germanaj Esperantstoj ne perdu la kontakton unuj al la aliaj.La novaj federaciaj landoj havas tre multajn afliktojn kaj problemojn, sed niaj samideanoj sciu, ke ni deziras kontakton al ili. Mi apelacias al la Esperantistoj en la novaj federaciaj landoj: Ne izoliĝu de ni, serĉu denove la komunaĵon kun ni. Retiriĝas speciale la spertaj kaj aktivaj Esperantistoj, kiuj estas tiom urĝe bezonataj! Por tiuj, kiuj volas kunveturi al Templin: Ankoraŭ ekzistas liberaj lokoj en aŭto. Mia kuzino en Templin organizas tranoktadon. Bonvolu informi min ĝis la 11a deJunio 1992. Tiu, kiu forgesis, kiom bela estas netuŝita naturo, kaj kiu ne deziras konatiĝi kun ĉarmaj, afablaj homoj, rapide forgesu la ĵus legitan tekston.



*Hannelore Brunow*

# Nia tria infanfesto

La 4an de Aprilo okazis nia tria infanfesto en la klubejo de HES. Ĉi-foje la infanoj ne povis spekti fabelan prezentaĵon de la Krampa Teatro. Dum longa tempo antaŭe mi pripensis, kion fari kun la infanoj? Fine mi decidis lasi la iniciaton al la infanoj. Christiane iom antaŭe festis sian naskiĝtagon, kaj ŝiaj amikinoj kaj kelkaj gepatroj vizitis nin en la klubejo. Multaj tre informaj interparoloj kaj interŝanĝo de spertoj okazis inter la plenkreskuloj. Fakte, estis infanfesto laŭ tute alia stilo. Ridado de gajaj knabinoj kaj plenkreskuloj akompanis nin tra la tuta posttagmezo. Christiane faris ĉarmajn korbetojn por Pasko. Dank' al Elsbeth, kiu »furaĝis« nin, Gesine kaj mi havis pli da tempo por la aliaj gastoj.

*Hannelore Brunow*

Tio estis la raporto de plenkreskulo; jen la raporto de Christiane:

Das Kinderfest am 4.4.1992

Ich, Christiane, habe auf diesem Fest meinen Geburtstag vorgefeiert. Es kamen 32 Gäste, darunter Kinder, manche mit Eltern, Club-Mitglieder und meine Geburtstagsgäste. Als erstes haben wir Kaffee getrunken und Kuchen gegessen. Danach haben einige gespielt, sind rausgegangen oder haben sich unterhalten. Als wir Abendbrot gegessen hatten, löste sich der Kreis auf. Nachher als die meisten weg waren, haben die restlichen unter der Anleitung von Hannelore Bauchtanz gemacht. Das war ein herrlicher Ausklang von diesem Kinderfest.

*gez. Christiane*

# Danko al Hans Schütt

En la nomo
De malsana juna homo
Mi dankas al vi
Pro tuj sendita
Medikamento
kiu revenigis al li
Vivon kaj esperon.

En la nomo
De nekonata familio
Mi dankas al vi
Pro festa pakaĵo
Kun vortoj
Kiuj donis ĝojon
Ĉe Kristnasktablo.

Mi dankas
Pro la koro
Juste dividita
inter bezonantoj
Kaj mi; mi persone
Dankas al Hans
Pro restituo de kredo
En homamikeco.



**Varsovio, Majo 1992,**
**Krystyna Spysz-Piechocka**

(Mi, kaj multaj aliaj spertis de Hans altruistan, neprofiteman helpon en malfacilaj momentoj de vivo. Per tiuj ĉi versoj mi volas doni pruvon de mia memoro kaj dankemo.)

# Tute speciala posttagmezo

La unuan nomon, kiun Esperantistido povas memori, verŝajne estas Rikardo Ŝulco (R.Ŝ.). Al mi okazis same. La unuan fojon mi vidis sinjoron Ŝulcon okaze de la kongreso en Hamburg. Sed tiutempe mi ankoraŭ baraktis kun la 16 reguloj kaj nur registris iun sinjoron, kiu - laŭ mia imago - aspektis kiel Richard Wagner. Iom post iom, intertempe mi ankaŭ povis legi en Esperanto, mi interesiĝis pli kaj pli pri R.Ŝ.. La dua Literatura Vespero en la klubejo estis dediĉita al Strigospegulo, tradukita de R.Ŝ.. Delia kaj mi laŭtlegis kelkajn historietojn. Mi konfesas, ke ne estas facile, laŭtlegi tradukaĵojn de R.Ŝ., preskaŭ neeble sen antaŭa ekzerco. Kelkfoje mi eĉ legas tradukaĵojn de R.Ŝ. sen kompreni la tekston. Mi simple lasas porti min de la melodieco de la vortoj. La 28a de Marto finfine estis la dato: R.Ŝ. venis al nia klubejo en Hamburg. Mi estis sufiĉe ekscitita. Hodiaŭ mi eĉ ne plu memoras, ĉu pluvis aŭ brilis la suno. La harmonion de tiu postagmezo mi metis en mian imaginatan memoran vitrinon al la belaj travivaĵoj el mia vivo. Fakte mi estas romantikulino kaj fandiĝas pro bela literaturo aŭ muziko. Sed mi ne staras sola kun mia romantikeco! La plej gravan literaturan eventon en nia klubejo ĉijare neniu volis maltrafi. Atente kaptitaj kaj ĝuante la "spertuloj" aŭskultis al la prelego de R.Ŝ.. Li fascinis nin ne nur per lia recitado (ekz. de Morgenstern kaj Leip), sed ankaŭ lia tuta elradiado estis en harmonio kun lia prelego. Multajn demandojn sinjoro R.Ŝ. poste devis respondi en nia rondo. Kion li ne sciis, tion sciis s-ro Behrmann. Ni ankaŭ ĝojis pri tio, ke R.Ŝ. venis kun sia edzino. Espereble baldaŭ ĉiuj denove venos al nia klubejo. R.Ŝ. promesis al ni, baldaŭ reveni. Mi esperas, ke tiu baldaŭ fakte estos baldaŭ.

*Hannelore Brunow*